Jaro V * N.° 60ª Decembro * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMOROS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



## Al ĉiuj siaj gelegantoj deziras feliĉan novan jaron

LA SUNO HISPANA

# Esperantista Kongreso en Barcelono

Post la prezentado de *Ifigenio* en Dresdeno, gravaj esperantistoj inter kiuj, kvankam negrava, mi estis, dezirante gratuli la Majstron kaj la aktorojn manifestacie venis en ilian hotelon.

Tie oni noktomanĝis, kaj mi kuraĝis antaŭ ili diri la jenon: «Barcelona, Valencia, San Sebastian kaj Burgos sopiras al la kongreso. Se ili estus vidintaj la belegan Ifigenian prezentadon, ili ne estus tiel kuraĝaj. Mi tamen vin invitas al simila noktomanĝo en Barcelono, ĉar niaj tieaj samideanoj plenumos sian taskon, plibonigos ĉiujn festojn rilate ĉi tiun kongreson».

Dezirante de malproksime helpi iomete miajn samnacianojn, mi priskribos kelkajn, laŭ mia opinio, rimarkojn atentindajn.

1. Evitu al kongresontoj troon da korespondo. Sufiĉas por ĝin trafi, ke persono praktika pri esperantista kongreso antaŭpensu la aferon.

2. Sciigu, kiel eble plej prezize, kiom da mono oni bezonas por ĉeesti en la kongreso. Sufiĉas por tio, ke la komitato sciigu la koston de la loĝado, la koston de la vojaĝbileto kaj la valoron de ĉiuj manĝoj. Pri tiu lasta rimarko ne forgesu ke ekzistas vegetarianoj en la mondo kaj venos viziti vin kelkaj.

3. La fremduloj bezonos hejman interpretiston. Loĝigu kune kun ili kelkajn esperantistojn hispanajn.

4. La U. E. A. (Universala Esperanta Asocio) aranĝis karavanojn al Dresdeno, tamen ĝia vojaĝbileto estas deviga, ĉar oni bezonas ĝin antaŭpagi. Ekzistas aliaj biletoj duonprezaj, ne antaŭpagataj, almenaŭ tra Francujo. Oni devas ĉiam sendi al

kongresanoj ĉi tiujn biletojn sufiĉe antaŭtempe. Ĉi tio iom kontraŭstaras la karavanojn; tamen esperantisto devas ĉion scii por ke ĝi taŭge elektu.

5. Evitu al kongresanoj la limimpostan ĝenon ĉe la landlimo. Por ĝin trafi profitu rekomendojn.

6. Oni devas likvidi ĉiujn monajn aferojn antaŭ ol ekkongresi, ĉar poste mankas tempo.

7. La loĝluanto devas esti praktika pri utilaj komfortaĵoj, pri pureco, k. c.

8. Oni devas starigi kune la parolejon, la akceptejon, la skribejon, la leterkeston kaj la vendejon de poŝtmarkoj.

9. La hispanaj esperantistaj gazetoj, kiuj nune aperas samtempe, devas aperi, almenaŭ ĝis la kongreso, diverstempe. Ili estas tri, do ili devas aperi ĉiudektage, enhavante ĉiujn kongresajn novaĵojn, por konigi pli facile ĉiujn detalojn al la kongresontoj. Por ne ilin erarigi la kongresa komitato sendos al ili ĝustatempe la sciigojn.

Mi adiaŭas kaj salutas vin, katalunoj, kaj permesu ke de ĉi tie mi invitu aliafoje niajn samideanojn francajn, anglajn, germanajn, danajn, k a., ĉar mi povas certigi, ke ili pasigos amuzigan kongreson.

VICTOR O. DE ALLENDE.
Voja inĝeniero.

Bilbao, la 4.an de Decembre 1908.

---

La komitato elektita de la Valencia Grupo por organizi la postkongresaj festoj en tiu ĉi urbo, komencis jam sian laboron. Ĝi pretigas plenan programon por tri tagoj kaj en ĝi kalkulos ĉiujn necesajn elspezojn por ke ĉiu ĉeestanto estu bone antaŭavertita pri tiu grava punkto. Certe la elspezoj farotaj ne estos multaj kaj ankaŭ la biletoj por fervoj- aŭ marveturo de Barcelono al Valencio kaj reveno ne estos multekostaj ĉar tute certe oni faros grandan rabaton pro la Ekspozicio tiam okazonta en *la urbo de la floroj.*

---

Oni jam elektis la komitaton por la V.a Kongreso Esperantista en Barcelono; ĝi estas:

Prezidanto: Frederiko Pujulá y Vallés.—Vic-Prezidanto: Alfonso Sabadell.—Kasisto: Mikaelo Cases.—Sekretariino: Sinjorino Germaine Rebours.—Propaganda Fako: Jacinto Bremón.—Floraj Ludoj: Sinjoroj Geroni Vila y Roca kaj Carlo Bourlet.—Loĝado: Ramón Claramunt.—Festoj: Jaime Sales Balmes.

Ili ĉiuj estas fervoraj esperantistoj kaj plenumos sian respondan taskon plej brile; nun ni devas esti ankoraŭ pli certaj, ke la sukceso estos eksterordinara.

# Aviso

Habiendo acordado el Grupo Esperantista de Valencia concurrir á la Exposición Regional que ha de celebrarse en dicha ciudad el próximo año 1909, se ruega por el presente aviso á todos los esperantistas españoles, manifiesten á la Comisión nombrada para este objeto, la forma más conveniente, á su juicio, que debe darse á la instalación, expresando lo que por su iniciativa particular ó por la del Grupo que representen puede ser digno de figurar en la exposición, como asimismo la cantidad con que pueda contribuir á los gastos que la instalación ocasione. La Comisión encarece se remitan los proyectos á la brevedad posible, con el fin de proceder á la organización definitiva de cuanto con este objeto se relacione.—Por acuerdo de la Comisión: El Secretario, *D. Martínez Ferrando.*

# Pri esperantigo de propraj nomoj

Mi rimarkis dum la du lastaj kongresoj, ke kelkaj esperantistoj celas elparoli la nomojn, kiel ili estas elparolataj nacie. Mi opinias ke ili devas esti elparolataj esperante. Ekzemple: Mi estas hispano, mia nomo estas *Allende*, kaj laŭ hispana elparolado ĝi estas *Aljende*. Mi komprenigos min pli facile, dirante al la fremduloj, ke mia nomo estas *Al-lende*.

La nomo franca *Cazeaux* legata france estas *Kazo'*, oni devas elparoli ĝin esperante *Ca-ze-aŭx'*, ĉar la plejmulto da esperantistoj ne konas la francan lingvon nek ĝian elparolmanieron.

Parolante en Esperanto, oni bezonas ofte uzi nomojn de urboj, vilaĝoj eĉ de nacioj; se la vorto estas nekonata de la aŭskultanto; tiu ĉi, supozante ke la nomo estas ordinara vorto esperanta celas rememori ĝian signifon. Tio estas kaŭzo de malkompreniĝo kaj por ĝin eviti, sufiĉas apudmeti la vortojn urbo, vilaĝo, rivero, k. c., laŭokaze. Anstataŭ diri *Salamanka* mi diros kiam mi timos konfuzigon: *la urbo Salamanka.*

ALLENDE.

---

En la antaŭaj linioj S.ro Allende proponas novan elparolmanieron por la propaj nomoj. Pri tiu ĉi punkto oni ĝis nun multe proponis kaj definitive oni akceptis nenion, ĉar nenio estis akceptinda. La propono de S.ro Allende ankaŭ ne estas tute kontentiga.

1.e Ĉar estas multaj nomoj, kiuj ne povas esti legataj esperante; ekzemple, mia nomo *Duyos,* ĉar la litero y ne ekzistas en la alfabeto esperanta.

2.e Ĉar kvankam oni povus legi ĉiujn nomojn esperante, S.ro Allende nur celas per sia propono ke la aŭskultanto povu poste skribi la diritan nomon. Kaj kio estas plej grava? ĉu la skribado? ĉu la elparolado?—Certe la elparolado. Mi prenas unu el liaj ekzemploj: se mi vokas *S.ron Cazeaux* per tiu ĉi vorto (Ca-ze-aŭx') esperante elparolata, tute certe ke li ne turnus la vizaĝon. Kontraŭe se mi diras *Kazo'* li komprenos nin, kaj se mi, en artikolo aŭ letero esperante verkita, skribos *S.ro Kazo'*, li ankaŭ komprenos ke li estas nomata. Ĉu ne? Nur sur la koverto oni devas skribi bone la nomojn, sed tio estas ĉar ili devas esti legataj de personoj neesperantistaj. Por la esperantistoj sufiĉas nia propono skribe kaj buŝe.

Sed nun, oni diros, kial tiu propono ne estas akceptita? Ĉar mankas kelkaj sonoj en la fonetiko esperanta. *Allende* oni povas skribi esperante per *Aljende*, *Duyos* per *Dujos*, *Jimenez* per *Ĥimenez*, ĉar la esperantaj sonoj *lj*, *j*, kaj *ĥ*, povas bone anstataŭi la hispanajn *ll*, *y* y *j*. Sed en la franca, angla, germana, k. a. lingvoj ekzistas literoj, kies sonojn oni ne povas reprezenti per la esperantaj literoj. Tie kuŝas la malfacilaĵo.

Pri la lasta paragrafo de la artikolo de S.ro Allende mi estas tute konforma.

R. DUYOS.

---

**Varme ni deziras, ke la jaro 1909.a estu por ĉiuj niaj amikoj plej malavara pri sano, feliĉo kaj mono.**

**Ĉar estas al ni neeble respondi ĉiujn alvenintajn bondezirojn, ni amike petas, ke oni akceptu tiujn, de ni senditajn per tiuj ĉi linioj.**

**RAFAEL DUYOS** **VICENTE INGLADA**

# La Sociedad Española

Seis años han pasado desde que, gracias á las iniciativas y entusiasmos de D. Ricardo Codorníu, se fundó en Murcia la Sociedad Española para la propagación del Esperanto. Los siete artículos de su diminuto Reglamento acusan bien claramente que la intención de los fundadores sólo estaba encauzada á establecer un lazo de unión entre los esperantistas españoles que pudiera, al mismo tiempo, ser utilizado como punto de apoyo para la propaganda. ¿Debieron aspirar á más aquellos decididos esperantistas, que se atrevieron á reglamentar lo que, en aquella época, era por los más considerado como una chifladura? Indudablemente, no; bien está lo que hicieron y merecen por ello nuestro respeto y nuestro aplauso. Hoy mismo no nos atreveríamos á planear un Reglamento para nuestra Sociedad que pudiera servir para dentro de seis años, porque en ese lapso de tiempo el Esperanto puede haber conquistado su triunfo decisivo ó puede haber perdido solidez, transformando la Sociedad Española en un organismo oficial ó en un grupo de personas de buena voluntad que seguirían trabajando en pro de un ideal benéfico y humanitario.

Pero á las variaciones que la divulgación actual del Esperanto exige, hay que añadir aquellas otras que la práctica nos está imponiendo. Voy á exponer éstas brevemente.

Ingresan en la Sociedad Española muchísimas personas que sólo abonan la cuota correspondiente al año de su ingreso y de las que ya no se vuelven á recibir noticias. Cierto es que la inmensa mayoría de los que así obran es porque pasado el primer impulso de entusiasmo, abandonan por completo el estudio del Esperanto y cuanto con él se relaciona; este pasajero entusiasmo, en los meridionales es cosa frecuentísima. Pero otros abandonan la Sociedad, aun siendo esperantistas más ó menos fervorosos, porque sus relaciones con ella no son frecuentes y el envío de la cuota anual representa una molestia, si bien esta queda reducida á incluir unos cuantos sellos en una breve carta. Citemos ejemplos: de los socios que ingresaron en 1907 y cuyo número fué 362, únicamente 70 han abonado la cuota correspondiente al año 1908. Esta exagerada desproporción hace difícil la buena marcha de la Sociedad; si el ingreso de las cuotas exige recordatorios ó sostenimiento de correspondencia sólo á este fin dirigida, siendo aquellas tan reducidas no darían beneficio alguno á la Sociedad. Pero hay otros inconvenientes de más monta: ¿cuándo debe considerarse que un socio ha sido baja? La contestación lógica es que sea baja cuando deje de abonar la cuota de un año, pero como para este abono no hay época prefijada, pues el artículo 5.° sólo dice que los que abonen antes de finalizar Diciembre la cuota del siguiente año, tendrán voto en la elección de la Junta Directiva, resulta que durante todo un año la Sociedad obra con arreglo á un número de socios que difiere mucho del verdadero, y vota una Junta Directiva con un número de vocales diferente del que previene el Reglamento.

Al ingresar en la Sociedad recibe el nuevo socio un número de orden, y viene á ser nuestro anuario nacional lo que el universal de Zamenhof. Los que se vanaglorian de tener un número de orden muy pequeño, prueba más ó menos fehaciente de su antigüedad en el esperantismo, desean conservar siempre el mismo, como ocurre con el de Zamenhof; pero esto lleva consigo el gran inconveniente de que sigan figurando como socios un inmenso número que dejaron de serlo, y si estos se dan de baja y ocupan sus números nuevos socios, deja de tener el número de orden el valor que algunos le han asignado. A nuestro juicio, lo mejor sería en fin de Diciembre formar

una lista de todos los que hubiesen abonado la cuota del año corriente, los cuales por orden de antigüedad recibirían nuevos números de orden; así, naturalmente, el que perdiera su número recibiría, en cambio, uno más pequeño.

Mientras estas modificaciones no se lleven á cabo, no es posible ni conveniente publicar el anuario que en otros años anteriores apareció. Repetidas quejas hemos recibido de esperantistas extranjeros, manifestando que se han dirigido á muchos de los que en ellos figuran, sin obtener contestación. No es de extrañar, pues más de las dos terceras partes de los nombres allí coleccionados corresponden á personas que en un momento de entusiasmo creyeron hacerse esperantistas por el mágico influjo de cien céntimos. El beneficio que el anuario reporta es muy secundario; ¿quiénes han de figurar en él?, ¿los miembros de la Sociedad española en sus cuatro variedades de *honorarios*, *propagandistas*, *adeptos* y *aprobadores*? Entonces no da idea de la divulgación del Esperanto en España, porque hay muchos esperantistas que no han ingresado en la Sociedad Española; en cambio figuran en él muchas personas que no conocen el Esperanto más que de nombre, como son todos los socios aprobadores y algunos honorarios.

Nosotros opinamos que el Anuario Esperantista Español, si ha de ser útil, ha de contener los nombres de verdaderos esperantistas, que puedan hablar y escribir el idioma, por lo menos con una corrección relativa. El que la Sociedad Española publique un libro con los socios que desde su fundación ha tenido, ó aunque sólo sea con los que en la actualidad tiene, no reporta beneficio alguno. Cuando la Sociedad Española organice la Junta examinadora, podrá publicar un anuario con los nombres de los que hayan merecido un título de conocimiento elemental ó superior, aun cuando en él se citen los Grupos existentes con el número de socios que cada uno tenga, y los de la Sociedad Española, y cuantos datos se consideren de interés, pero sin citar nombres que puedan poner en duda la veracidad de cuantos datos se aportan para poner de manifiesto el estado actual de la divulgación del Esperanto en España.

En el número próximo daremos fin á este artículo, en el que francamente exponemos los inconvenientes que el funcionamiento actual de la Sociedad nos ha demostrado prácticamente, y publicaremos el balance anual de su caja. El solucionar de manera conveniente todas estas dificultades ha de ser misión de la nueva Junta Directiva; para ello, propondremos una candidatura que no dudamos será acogida con entusiasmo.

R. Duvos
Secretario de la Sociedad Española p. p. Esperanto.

D.ro Vallienne mortis, preskaŭ subite la 1.an de Decembro!

Malaperis unu el la plej bravaj kaj lojalaj defendantoj de nia kara lingvo kaj ni ĉiuj funebras. Liaj kuraĝigaj vortoj, liaj aplaŭdindaj agoj restas ĉe ni kiel incitilo kaj sekvota ekzemplo.

Pace ripozu, kara kaj respektinda doktoro!

# Ne estis ripo, sed vosto...

La homa scivoleco estas tiamaniere nesatebla, kaj nia deziro penetri en la kialon de la plej grandaj misteroj de la vivo estas tiel granda, ke ni eĉ ne konformiĝas plu per la historiaj verkoj ekzistantaj, koncerne al kelkaj punktoj de la viva origino, kvankam tiaj verkoj estas el tiuj, kiujn la mondo ĝis nun ĉiam rigardis kiel sanktajn kaj nediskuteblajn. La homo nepre volas sin certigi pri ĉio, kiam eble, per klara kaj simpla eksperimento; li studas atente, laboras senĉese, fervore serĉante la veron, kiu ŝajnas forkuri de li, tiel obstine, ke oni povas kompari lian deziregon, kun la Tantala soifa turmento.

Tiel okazas, rilate al la tradicio de la virina deveno.

Pri tio jen estas klarigo, kiun mi legis antaŭ nelonge, pro eltrovo farita, laŭ tre fidindaj manuskriptoj, de saĝa germana bibliografiisto, kies nomon mi ne memoras—nek eble estas ĝin memori, ĉar ĝi havis ne malpli ol tridek konsonantojn.

Tiu saĝulo, post serioza komentario al la Biblia priskribo pri la formado de nia patrino Evo ĉe la Paradizo, fiere certigis la jenon:

«Estas vero, ke Dio intencis krei Evon el materialo elprenita el la korpo mem de Adamo, por ke tiu ĉi povu ŝin nomi «karno de mia karno kaj osto de miaj ostoj»; sed neantaŭvidita okazintaĵo malhelpis la aferon, kaj ĉio efektiviĝis aliamaniere.

«Efektive, Dio profunde dormigis Adamon, tiel profunde, ke Li eĉ povus eltranĉi pecon da lia karno sen la plej malgranda timo pri lia vekiĝo. (Samtempe Dio instituciis per tiu unua provo la honorindan profesion de hipnotigistoj).

»Tuj kiam Adamo komencis sian belsonan ronkadon (kio estas la plej certa pruvo pri profunda dormado), Dio kliniĝis sur lin, kaj, metinte per Dia forto Siajn fingrojn inter liaj ripoj, Li kaptis la plej grandan el ili, kaj deŝiris ĝin, ne sen veraj malfacilaĵoj, ĉar tiu homego estis tre fortika kaj dikmembra, certe kiel ano de raso tiam ankoraŭ ne degenerita.

»Jen vi havas la bonan Dion kun la belega Adama ripo en Sia dekstra mano, pensante kiamaniere Li aranĝos la aferon, por ĝin transformigi en ĉarman virinon, kiam subite kaj ne vidite nek aŭdite aperas hundego, allogita de la rava vianda odoro, kaj, forpreninte per sia malsata buŝo l'apetitekscitan kotleton, rapidege forkuras al proksima arbareto. Dio, kvankam surprizita kaj ŝanceliĝanta, instinkte Sin ĵetas kontraŭ la hundon, ĝin persekutas, kriante: «ĉuĉo, ĉuĉo,...» kaj ankoraŭ ĝin atingas kaj kaptas per la vosto. La hundo koleriĝas kaj grundas terure, pli kaj pli dentpremante sian kaptaĵon; Dio forte kaj sentime detenas la beston, tirante el ĝia vosto kaj minacante ĝin per grandaj krioj, por ke ĝi forlasu teren la multvaloran ripon. Foje, la hundo tiel furioze tiras, ke ĝi trenas Dion dum kelkaj sekundoj; aliafoje, Dio ankaŭ retrenas la hundon, ĝin ŝovante sur longa terspaco. Fine, post tia terurega kaj neniamvidita batalado, oni alvenis al rezultato klare antaŭvidebla, nome: ke la sovaĝa besto sin liberigis, lasinte... ne la Adaman ripon, sed sian tutan voston en la manoj de Jehova'o.

«Tiu ĉi restis momente konfuza kaj mirigita, rigardante la sangantan hundvoston, kuŝantan en Siaj Diaj manoj. Sed post nelonga pripensado, Li trankviliĝis kaj diris, kun ĉiopova konvinko, la sekvantan multsignifan frazon: «Nu, por Mi estas tute same!». Kaj tuj poste, starigante la hundan postan ekstremaĵon, Li ceremonie ekkriis: «Tiu ĉi hunda vosto aliformiĝu en belan virinon!» Kaj tio ĉi estis farata. Kaj Dio vidis, ke tio estas bona (eĉ bela)...»

Poste, la saĝa bibliografiisto longe rezonadis pri konsideroj kaj komparoj de la virino kun la hundo, penante pruvi la verecon de sia eltrovo, jen prezentante statisti-

kon, per kiu oni vidas, ke la hundo malofte mordas virinon, jen konstatante la similecon de la virina moviĝemeco, kun tiu de l' vosto de la hundoj...

Sed mi ne volas eniri en pli grandajn detalojn. Mi haltas, dirante, laŭ la frazo originala de Dio mem, ke, ĉar la virino ekzistas kaj ŝi estas bona, ĉu ŝi estas de vosta aŭ de ripa deveno,... «por mi estas tute same»!

F. SOLER VALLS.

# Error lamentable

Hace seis años, cuando por vez primera tuve en mis manos un Manual de Esperanto, la revista que el Sr. Bravo del Barrio publicaba en Santander con el título *Esperanto,* había muerto. Si alguna vez subió á tal punto mi curiosidad que me hizo solicitar, de quien la poseía, la colección completa de los números publicados, me hicieron desistir de mi propósito consideraciones y razonamientos, que hoy me hacen recordar, bien á mi pesar, ciertos artículos que el Sr. Bravo del Barrio ha publicado en *El Pueblo Vasco.*

En aquella revista, á pesar de su título, el Esperanto era cosa secundaria; el señor Bravo del Barrio hablaba y describía con prolija minuciosidad sus amores con una señorita, que por serlo y por haber fallecido, merece su recuerdo todos mis respetos; y tanto cegaba la pasión amorosa al Sr. Bravo, que no comprendía cuánto enojaban á sus lectores aquellas historias que ningún interés encerraban para el público, porque aun aquello de que «el Esperanto había perdido, con la muerte de persona, para él tan querida, *unos cuantos millones*», les pareció á los más una ridícula parodia de algún fabuloso cuento de *Las mil y una noches.*

Los esperantistas españoles comprendieron que tal revista no podía ni debía considerarse como fiel reflejo de sus aspiraciones y deseos, y sus protestas hallaron eco en *L'Esperantiste,* revista de Mr. de Beaufront, donde acertadamente se decía, que así como por donde pasaba el caballo de Atila no volvía á crecer la hierba, así también por donde pasaba el Sr. Bravo del Barrio era imposible hacer propaganda en favor del idioma internacional, por la especial atmósfera que tras sí dejaba el que se titulaba pomposamente *apóstol del Esperanto.*

Pero he aquí, que por una evolución muy comprensible, el Sr. Bravo del Barrio se ha hecho partidario del idioma de Mr. de Beaufront; ignoro si la opinión que Mr. de Beaufront tenía del Sr. Bravo del Barrio ha evolucionado también, pues de no ser así, habrá sido éste acogido en el grupo idista con la risa del conejo. Pero esto es hoy asunto de casa ajena y nada nos importa ni nos interesa. Por los idistas sentimos en esta casa un afectuoso respeto, como colaboradores que somos en pro de un mismo ideal, y si alguna vez hemos mojado en hiel nuestra pluma, ha sido para anatematizar justamente el traidor proceder de Mr. de Beaufront, y juzgar con dureza merecida la descortesía con que fué tratado nuestro *Lingva Komitato.* Por lo demás, ningún interés tenemos en zaherir ni molestar á los que, como ya he dicho, consideramos como colaboradores.

Pero el Sr. Bravo del Barrio, ya en el campo idista, hace la propaganda de su idioma, y recluta ó intenta reclutar adeptos, valiéndose de procedimientos y ardides que nos vemos precisados á adjetivar duramente. El Sr. Bravo del Barrio ha creído que nuestros samideanos de San Sebastián, disgustados por no haber concedido á su grupo la organización del V Congreso Esperantista, caerían cándidamente en el lazo que él les tiende proponiendo que se celebre en la hermosa ciudad guipuzcoana el

primer congreso de Ido. Es indudable que si por arte mágico las ideas se hiciesen visibles, ésta de celebrar un congreso idista aparecería á nuestra vista de un color verde subido, probando con ello que aún han de pasar algunos años antes de llegar á su completa madurez. Pero el Sr. Bravo del Barrio, con la idea y proposición de ese congreso, envuelve otra que forzosamente había de molestar y ofender al grupo de San Sebastián, al que se le comparaba á un niño, al que le ofrecemos un juguete para que acuda sin temor á nuestros brazos.

El Sr. Bravo del Barrio está muy equivocado, equivocadísimo; él ha creído que el mundo es un vasto mercado, y que ha montado un puesto enfrente del nuestro, desde el cual, no contento con vocear su mercancía, procura atraer con halagos y engaños á cuantos enfrente del nuestro se detienen. A ese nivel no hemos de ponernos los esperantistas. Si los esperantistas de San Sebastián (que perdonen esta suposición) hubieran caído en el lazo, ni una palabra hubiéramos dicho en son de censura. Pero como el Sr. Tuduri, presidente de aquel grupo, y un prestigioso esperantista que firma sus artículos con el pseudónimo Onahiram, han protestado enérgicamente y contestado al Sr. Bravo del Barrio en forma merecida, nos hemos decidido á escribir estas líneas en la seguridad de que ya no pueden ser tomadas como reclamo de nuestro puesto, para contrarrestar los halagos del Sr. Bravo del Barrio.

Tenemos un más alto concepto de nuestra dignidad. Ella está muy por encima de cuantos afectos y cariños llenan nuestro corazón; tan por encima, que si como recompensa á una acción indigna se nos ofreciera el triunfo inmediato del Esperanto, el idioma internacional sería, en verdad, una utopía.

RAFAEL DUYOS.

# Adiaŭ, karega!

### Al la memoro de la eminenta Esperantisto D-ro Vallienne

Apenaŭ mi estis *Ĉu li?* traleginta,
Min trafas sciigo pri via ĵusmorto:
Dum mi vin aplaŭdas kaj kore gratulas
Vi mortas! Ho blinda krudmok' de la sorto!
Fidela soldat' de l'arme' esperanta,
Li ĉiam batalis kun nobla decido.
Kruela malsan' lastmonate lin kaptis,
Sed li laboradis por ni sen perfido.
Ne ĉarmos nin plu liaj belaj romanoj,
Nek ia de li tradukita ĉefverko.
La muz' esperanta nun ploras maldolĉe,
La filo plej kara nun kuŝas en ĉerko.
Ho kiel terure nin batas la sorto!
Anar' esperanta malkreskas rapide.
Jen unujn kolegojn forrabas la morto,
Aliajn jen Ido forprenas perfide.
Adiaŭ, karega Vallienne' ni ne povas
Jam premi la manon de nobla amiko.
Feliĉa vi, kiu alpaŝis la mondon,
En kiu nur regas am' sen artifiko!

VICENTE INGLADA.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

En la proksima vilaĝo Ribarroja ĵus fondiĝis Grupo Esperantista kaj oni elektis la jenan direktan komitaton:

## DE ESPAÑA

En el cercano pueblo de Ribarroja acaba de fundarse un Grupo Esperantista y se eligió la siguiente junta directiva:

Presidentes honorarios: Dr. L. L. Zamenhof y D. Rafael Duyos Sedó.—Presidente efectivo: D. Luis Colomer Aparisi.—Vicepresidente: D. Salvador Bigorra Martí.—Secretario: D. Marcelino Micó Calabuig.—Bibliotecario: D.a Elena Molinos Chisvert —Vocales: D. Vicente Moreno Blanchard y D. Julio Moreno Blanchard.

Salutante la aperon de tiu ĉi nova grupo, ni multe dankas ĝin pro la nemeritita honoro, kiun ĝi difinis al nia kara direktoro.

Al saludar la aparición de este nuevo grupo, le damos muchísimas gracias por el honor inmerecido que ha otorgado á nuestro querido director.

Laŭ sciigoj senditaj de nia amiko S.ro Clemente Irauzqui, en Santurce (Vizcaya) S.ro Reparaz klarigas kurson de esperanto al la infanoj de sia publika lernejo. Ankaŭ estas kurso por fraŭlinoj.

Según noticias enviadas por nuestro amigo D. Clemente Irauzqui, en Santurce (Vizcaya) el Sr. Reparaz da un curso de esperanto á los niños de su escuela pública. También se da un curso para señoritas.

Daŭrigante sian propagandan laboron, S.ro Román Ayza faris paroladon priesperantan en la Madrida Societo de Hotelmastroj. Li estis longe aplaŭdata kaj tiom interesigis la aŭskultantojn, ke oni pretigis tuj kurson klarigotan de S.ro Menendez. La duan de Januaro, S.ro Ayza malfermos kurson ĉe la Scienca Ateneo, S.ro Perogordo ĉe la komerca Ateneo kaj S.ro Fernandez ĉe la Militista kaj Marista Societo. Nun, do, oni brave laboras en Madrido.

Continuando su labor de propaganda, D. Román Ayza dió una conferencia sobre esperanto en la Sociedad madrileña de Hoteleros. Fué largamente aplaudido é interesó tanto al auditorio, que se organizó en seguida un curso que explicará el Sr. Menéndez. El 2 de Enero, el señor Ayza abrirá un curso en el Ateneo Científico, el Sr. Perogordo en el Ateneo Mercantil y el Sr. Fernández en el Centro del Ejército y Armada. Ahora, pues, se trabaja en Madrid bravamente.

En Benavites, dank' al la agemeco de nia samideano S.ro Vicente Gaspar Polo, ĵus fondiĝis Agrikultura Sindikato titolita Esperanto, kiu nur okupos sin pri la eksportado de oranĝoj. En la unua eksportsendo oni metis kesteton da oranĝoj, kiun tiu Sindikato dediĉas al D.ro Zamenhof respekte kaj sincere. La unuaklasa marko de tiu Sindikato konsistas el kvinpinta stelo sub la nomo *Esperanto*, kaj la duaklasa el la portreto de D.ro Zamenhof ĉirkaŭita de lia nomo. Ambaŭ estas ore presitaj. Ni deziras al la Benavitesa Sindikato la plej feliĉan sukceson en ĝia komerca entrepreno.

En Benavites, gracias á la laboriosidad de nuestro correligionario D. Vicente Gaspar Polo, acaba de fundarse un Sindicato Agrícola titulado Esperanto, dedicado exclusivamente á la exportación de naranja. En el primer envío, fué incluída una caja de naranjas que dicho Sindicato, respetuosa y sinceramente, dedica al Dr. Zamenhof. La primera marca de este Sindicato consiste en una estrella de cinco puntas bajo el nombre *Esperanto*, y la segunda marca en el retrato del Dr. Zamenhof orlado por su nombre. Las dos están impresas en oro. Deseamos al Sindicato Benavitense el éxito más feliz en su empresa comercial.

S.ro Paul Linares nun klopodas por fondi grupon en Cordoba. Ni deziras ke lia laboro atingu la meritit'an sukceson.

D. Paul Linares trabaja actualmente para fundar un grupo en Córdoba. Deseamos que su gestión obtenga el merecido éxito.

Por la venonta jaro la Grupo de Utiel elektis novan direktan komitaton; jen ĝi:

Para el próximo año el Grupo de Utiel ha elegido nueva junta directiva; es la siguiente:

Presidente: D. Generoso Planells.—Vicepresidente: Srta. J. Lacruz.—Cajero: Padre Antonio Guinart.—Secretario: D. José Chocomeli.—Vocales: D. J. Gabaldón, don E. Ortíz, Srta. M. Montés, D. S. Marzo y Padre V. Doménech.—Vicesecretario: don R. Hernández.—Bibliotecario: D. J. Carrasco.

La Grupo de Santurce voĉdonis la jenan komitaton:

El Grupo de Santurce ha votado la siguiente junta:

Presidente: D. Angel Zulaica.—Vicepresidente: D.ª Ramona Capón.—Tesorero: D. Daniel Pereda.—Secretario: D. Clemente Iraurqui.—Vocales: D. Juan Elvira y D.ª Flora Rodríguez.

Ĝoje ni ricevis S.ron Alfonso Sabadell, kiu pro profesiaj okupoj restis ĉe ni kelkajn tagojn. Nia simpatia amiko ĉeestis en unu el la ĉiumonataj festenoj organizataj nun de la Grupo Valencia. En ĝi oni multe parolis pri la venonta Barcelona Kongreso kaj pri la postkongresa ekskurso al Valencia, kiu tiu ĉi grupo ekorganizas, kaj ĉiuj esprimis dezirojn ke ĉio trafu la plej brilan triumfon kaj sukceson.

Priesperantaj artikoloj publikigitaj en la nacia gazetaro: belega kolekto da ili en *El Asón* de Ramales, verkitaj de F. B. Goiri-goltzarri; en el *Diario de Villanueva y Geltrú*; en *El Porvenir*, de Cartagena; en *El Nervion*, de Bilbao; en *Esperanzas*, de Zaragoza, bele verkita de S.ro J. A. Martínez, y en *El Tiempo*, de Murcia, kie Esperantisto 6362 tre ĝuste desegnas ian apostolon idistan.

Con mucho gusto recibimos á D. Alfonso Sabadell, que por ocupaciones profesionales ha permanecido entre nosotros algunos días. Nuestro simpático amigo asistió á uno de los banquetes mensuales que ahora organiza el Grupo de Valencia. Mucho se habló en él del próximo Congreso de Barcelona y de la excursión á Valencia, que este grupo organiza, y todos mostraron deseos de alcanzar el éxito y triunfo más brillante.

Artículos sobre esperanto publicados en la prensa nacional: una hermosa serie en *El Asón*, de Ramales, escritos por F. B Goiri-goltzarri; en el *Diario de Villanueva y Geltrú*; en *El Porvenir*, de Cartagena; en *El Nervión*, de Bilbao; en *Esperanzas*, de Zaragoza, muy bien redactado, por D. J. A. Martínez y en *El Tiempo*, de Murcia, donde el esperantista 6362 dibuja con exactitud á un apóstol idista.

# Bibliografio

*The English-Esperanto Dictionary*, based upon the «Fundameto», the esperanto literature and the national-esperanto Dictionaries bearing D.ro Zamenhof's «Aprobo», by J. Rhodes. XXII+547 p. (13 × 19)—London, Stead's Publishing House. Prezo: 5 s. 4 d. (2'80 spesmiloj).

La angla pioniro de Esperanto, sinjoro Josefo Rhodes, kiu dum multaj jaroj bataladis en sia patrujo por la disvastigado de nia kara lingvo internacia kaj fondis la unuan anglan esperantistan Societon, ĵus publikigis anglaesperantan Vortaron laŭ la Fundamento, esperanta literaturo kaj naciaj vortaroj apartenantaj al «Kolekto aprobita».

Post legado de tre interesa antaŭparolo, ĝuste klariganta la nunan staton de Esperanto, oni alpaŝas al plej plena vortaro, lerte kaj metodeme verkita. La aŭtoro modeste ĝin nomas «kompilaĵo», sed ni povus rajte fieriĝi, se ĉiuj lingvoj havus jam tiajn «kompilaĵoj», ĉar la pritraktata vortaro havas 547 paĝojn da tre densa presado kaj konsistas el ĉirkaŭ 50.000 vortoj aŭ esprimoj, kiuj estis sisteme kaj pacience kolektataj dum 7 jaroj da fruktodona serĉado. Krom plena posedo de Esperanto, kiun li elmontris en sia bela «Progresado de la pilgrimanto», S.ro Rhodes profitis ĉiujn tekstojn esperantajn kaj konsiliĝis kun la vortaristoj-Esperántistoj por la ĝusta taksado de ĉiuj apartaj signifoj kaj nuancoj de la esperanta radikaro, kaj tiu ĉi fundamenta kaj profunda laborado donis kiel sekvon, tre belajn fruktojn. Oni zorge esploru *The English-Esperanto Dictionary* kaj oni trovos en ĉiuj paĝoj vortojn tre feliĉe elektitajn aŭ radikojn tre lerte kunmetitajn, kiuj montras belajn subtilajn nuanconjn, nekapteblajn por tiuj, kiuj ne posedas la esperantan «senton». Oni vidu ekzemple la vortojn: «action», «age», «all», «appear», «appearance», «as», «aside», «at», «away», «back», «bank», k. c.

Ni nur citu inter la multaj novaj vortoj, kiujn la aŭtoro proponas en sia vortaro, atornio, bandolero, barbikano, bikonjuga, bisekcio, cesuro, kalenturo, kardiaka, ĥronika, korteso, dolmeno, kumulo, ciklostilo, daktilio, rami, k. c. por ke oni povu kompreni la ampleksecon kaj altvarolon de tiu bela libro.

Krom tio dirita, S.ro Rhodes zorge forigis kelkajn nebonajn esprimojn aperantajn en antaŭaj vortaroj kaj trafe anstataŭis vortojn iom mankohavajn per aliaj formoj akceptindaj kaj plitaŭgaj. Ekzemple: puriteno, ekleziano, akademiulo, specifi, diismo, diisto, k. c.

Pro la multaj teknikaj radikoj, kiujn enhavas *The English-Esperanto Dictionary*, ĝi multe utilos ne sole por komunaj tekstoj, sed ankaŭ por la teknikaj verkoj, kaj ne sole ĝia taŭgeco atingos la uzantojn de Esperanto, sed ankaŭ ĉiujn Esperantistojn, kiuj deziras lerni aŭ traduik la Ŝekspiran lingvon.

Multaj apartaj detaloj plialtigas la valoron de la verko: ekzemple, la aldono de du vortaroj (kiuj troviĝas en la fino) unu por personaj nomoj kaj alia por la geografiaj, enhavantaj ĉirkaŭ 2.000 vortojn.

Ankaŭ oni trovas en aparta listo laŭ alfabeta ordo la aron de ĉiuj novaj proponitaj radikoj, kiujn la aŭtoro noble kaj modeste prezentas al la aprobado de la publiko.

Ĉial ni ne povus sufiĉe rekomendi al ĉiuj amikoj de Esperanto la akiron de tiu bonega vortaro, kies aŭtoron ni plej kore dankas por la aminda cito, kiun en Antaŭparolo li faras pri nia senvalora helpo en tiu eksterordinara verko, kies apero estas bela pruvo de la granda vivipoveco kaj disvastiĝeco de Esperanto kaj glora fakto por la historio de nia kara, de tago al tago pli utila lingvo.

*Georgo Dandin*, komedio en tri aktoj de Moliére, el la franca lingvo tradukis D.ro L. L. Zamenhof. Librejo Hachette kaj k.° 79, Boulevard Saint-Germain, Parizo. Prezo: 1'20 frankoj.

Vere mirinda estas por nia ĝojo kaj gloro de Esperanto la fruktodoneco de nia plej kara Majstro. Apenaŭ ni raportis pri la apero de la belegaj «Ifigenio» kaj «Psalmaro», ni devas anonci la publikigon de nova literatura verko. Kaj ankoraŭ pli mirinda estas la facileco laŭ kiu D.ro Zamenhof tradukas, ĉu el angla lingvo (Hamleto), ĉu el rusa (Revizoro), ĉu el germana (Rabistoj, Ifigenio), ĉu el pola (Marta), ĉu el hebrea (Psalmaro), ĉu el franca (Georgo Dandin'), facileco sama por la prozo, kiel

por la versoj. Ni povas korbeni la fondiĝon de «La Revuo», kiu liveris al ni tiajn majstroverkojn, kaj ni nur deziru multajn jarojn da vivado al nia majstro kaj tiel, ni vidos la plej belan ĉefverkaron de la tutmonda literaturo esperanten tradukitan de lia lertega mano!

Eble niaj legantoj konstatos ke ni nenion diris pri la verko Georgo Bandin'... sed, kion mi povus sciigi pri la belegeco de la traduko, ne antaŭsentitan jam de niaj legantoj? Kaj pri la meritoj de la originalo, kion pli elokventan mi povus skribi, ol tio, ke ĉarmita de la spriteco de tiu ĉi komedio, kun la helpo de belga amiko, mi mem estis jam grandaparte tradukinta Georgon Bandin'? Ho feliĉa Georgo Bandin'! Esperanto liveris al vi du naskantojn: unu—la vera patro, la plej inda esti patro; alian—nur duonpatro, kiu ne povis atingi feliĉan finon, kaj restos kaŝita, kiel decas al lia senmeriteco...

*La patrino*, dramo en kvar aktoj de S.ro Santiago Rusiñol, unuafoje prezentita la 20.an de Februaro de 1907, el la katalana lingvo tradukita de S.ro Alfonso Sabadell, Prezidanto de la Grupo Esperantista Barcelona. Prezo: 2 frankoj. Presejo Feliu & Susanna, Ronda San Pedro, 36. Barcelona.

Nia amiko S.ro Sabadell, kiu de post sep jaroj propagandas en Hispanujo nian lingvon internacian kaj faris en sia loĝurbo Barcelono la unuan publikan paroladon por Esperanto, ne kontenta montriĝi kiel lerta kaj fervora propagandisto de nia afero, decidis dediĉi sin al la literatura verkado. Kiom da mirakloj faras Esperanto! Multajn amikojn mi konas, kiuj estas poetoj nur de kiam ili ellernis la lingvon internacian, kiuj povas esti literaturistoj nur per Esperanto! Tio ĉi nur montras la grandan facilecon per kiu oni lernas kaj posedas la Zamenhof'an kreaĵon. Eble neniam venis en la kapon de S.ro Sabadell, kiu tre bone konas la lingvojn hispanan, katalanan, francan, anglan kaj italan, la ideo traduki verkon en unu el ili. Kial? Ĉar la verkado aŭ tradukado en nacia lingvo estas afero tre malfacila. Tamen, pri Esperanto li sentis sin kuraĝa por tio kaj bele prosperis en la entrepreno. Oni nur legu *La Patrino'n* kaj tuj oni admiros la ĉarmecon, simplecon kaj kortuŝecon per kiu S.ro Sabadell vestis la tradukon de la fama Rusiñol'a dramo. Multajn Esperantistojn jam interesis *La patrino*, kies tradukinto ricevis el ĉie plej kuraĝigajn gratulojn, kaj multaj ŝatis la nuntempecon de la verko. Ĝis nun inter la esperantaj literaturaĵoj oni trovis verkojn tre malnovajn, jam tute forgesitajn pro tro longa koniteco, kaj ĉiuj legantoj bone scias, ke en mia diro ne estas trograndigo. Kontraŭe *La patrino* estas verko unuafoje prezentita en 1907, enhavanta novajn ideojn, priskribanta la modernan vivadon kaj pro tio ĝi sendube trafos tre bonan akcepton inter la Esperantistoj. Ni plej kore dankas la eminentan katalanan dramaŭtoron S.ro Santiago Rusiñol, kiu afable permesas la esperantan tradukon de siaj belegaj verkoj; ni gratulas la tradukinto S.ro Sabadell, kiun ni neniam sufiĉe dankos pro lia troamindeco dediĉi al ni *La Patrinon*, kaj ni esperas, ke baldaŭ aperos aliaj Rusiñolaj verkoj, kiujn la katalana pioniro tradukis kaj tradukas esperanten, kiel «La blua korto», «Folioj de la vivo», k. c., k. c.

*Stanislaw Wyspianki*, Protesilas kaj Laodamia, tragedio, el la pola lingvo tradukis D.ro Leono Zamenhof. Aldono literatura al «Pola Esperantisto». Prezo: 50 SD.

Wyspianki, pola poeta, kiun la morto forrabis antaŭ kelkaj monatoj, estas unu el la apartaj kaj nekomprenataj verkistoj, kies genio estas plena de tiu tragismo, nesentebla por la plejmulto, kiu ne kondukas al populareco.

Tre originala en siaj produktaĵoj li prezentas ĉiam sian penson kaj sentojn vestitajn per grandego kaj potenco, kiu trapenetras la leganton per ia malluma misticismo. Ne serĉu en Wyspianki tiujn varmajn gajpriskribojn troveblajn en preskaŭ ĉiuj poetoj: li verkis ĉiam kvazaŭ sub la influo de malĝoja potenco kaj en ĉiuj liaj belaj verkoj oni spiras la saman impreson de senespera fatalismo.

La tragedio «Protesilas kaj Laodamia» estas bazita sur greka mitaĵo. Laodamia, filino de la reĝo Akastos, estis forrabita de la heroo Protesilas, kiu poste kun ŝi edziĝis. Tiu ĉi heroo en batalo kontraŭ Troja, oferas sian vivon, ĉar la orakolo antaŭdiris:

«Ruinoj atendas Ijonon,
vin—gloro kaj laŭro senmorta;
kiu, unua el ŝipo
per vigla atingos eksalto
la glebon de la Dardanoj
kaj sablon piede ektuŝos,
..... mortfalos».
«Li gloron plej grandan atingos
Por morto kaj tomb' akirita »

Kaj li ne volas aŭdi la edzinajn plendojn, ĉar la gloro, kiu flamigas lian bruston estas pli forta, ol la amo al Laodamia.

«Gloro min, gloro atendas
mi devas landon forlasi,
vin—amatinon restigi—
edzinon plej karan kaj ĉarman.
Pereos mi la unua
min ne atendu».

Sola por ĉiam restas la nekonsolebla vidvino: li ĉiam sopiras al sia glormortinta edzo: ŝia malĝoja revado sukcesas elpetegi la diojn, kiuj revenigas al ŝi la ombron de Protesilas, sed tiu ombro ne povas kontentigi la flamantan per amo Laodamian kaj ŝi en malespero memmortigas sin, por tiamaniere sendisige kunigi sian animon kun la ĉiam amata edzo.

En tiu ĉi pritraktata tragedio oni sentas la tutan karakteron de la krea talento de Wyspianski, la potencan imagadon de la poeto, kiu el kvieta sopiro de la edzino faras grandiozan, kortrafan plenan de tragismo beldramon.

D.ro Leono Zamenhof tradukis tre zorge kaj lerte la polan tragedion. Konservante la ritmon kaj formon de la originalo, la tradukinto fidele esprimis ĝin per ĝia tuta precizeco kaj liveris al Esperanto delikatan ĉefverketon, kiun ĉiuj tre ĝue tralegos.

J. Racine. *Esther*, triakta tragedio, tradukita de D.ro Noel, vicprezidanto de Nancy'a Grupo, kun takta teksto de la Ĥoroj, alkonformigita al muzikverkoj de Moreau kaj Chaulie. Prezo: 1'25 frankoj (dua eldono).

J. Racine. *Athali'*, kvinakta tragedio, tradukita de D.ro Noel, kun takta teksto de la Ĥoroj alkonformigita al muzikveroj de Mendelssohn. Dua eldono. Prezo: 1'50 fr.

M. A. Plaŭtus. *Rudens'*. (La ŝnurego), kvinakta komedio tradukita de D.ro Noel. Prezo: 1'50 fr.

Aristophanes'. *Plutos'*, komedio. tradukita de D.ro Noel. Prezo: 1'25 fr.

Tiujn ĉi verkojn oni povas aĉeti ĉe la aŭtoro. D.ro Noel, 63 rue de Villers. Nancy, (Meurthe et-Moselle). Francujo. Kaj estas vendataj por propagando de Esperanto.

Ni ĵus ricevis tiujn ĉi belegajn versajn tradukojn de la famaj klasikaj verkoj kaj ni nur bedaŭras, ke spaco mankas al ni por ilin detale analizi.

Tial ni rekomendos ilin al ĉiuj veraj amikoj de Esperanto, dirante ke ili estas tiel majstre verkitaj, kiel *Ĉielo kaj Tero* kaj *Rolandkanto*, kiujn ni tiel multe jam laŭdis en nia gazeto.

V. Inglada.

★ ★ ★

# Esperantistaj Gazetoj

## I. Nacia Propagando

FRANCUJO: *L' Etoile Espérantiste*, monata gazeto, 16 paĝoj (25 × 32), en Esperanto kaj franca lingvo. Jara abono: en Francujo, 1,25 fr.; ekster Francujo 2 fr. (0,80 sm.). Administracio: «L' Etoile Esperantiste, 3, rue Sophie-Germain, *Paris.*»

FRANCUJO: *Paris Esperanto*, monata bulteno de la Pariza Grupo Espetista,ran 12 paĝoj (13,5 × 21) en Esperanto kaj franca lingvo. Jara abono: 1,50 fr. (660 sm.). Administracio: V. «Chaussegros, 3, place Jussieu, *Paris*».

GRANDA-BRITUJO: *The British Esperantist*, monata organo de la Brita Esperantista Asocio, 20 paĝoj (18 × 25), en Esperanto kaj angla lingvo. Jara abono: 3 ŝiling. (4 fr.; 1,50 sm.). Administracio: «S-ro Sekretario de la B. E. A., 133-136 High Holborn, *London*, W. C.

GERMANUJO: *Germana Esperantisto*, monata organo de la Germana Esperantista Societo, 12, paĝoj (18 × 24), en Esperanto kaj germana lingvo. Jara abono: 3 mark. (4 fr.; 1,50 sm.). Administracio: «Esperanto Verlaj Moller & Borel, 95, Prinzenstrasse, *Berlin*».

HISPANUJO: *Stelo Kataluna*, monata revuo pri scienco, arto kaj Esperanta movado, 19 paĝoj (19—28) en Esperanto, kataluna kaj hispana linjvoj. Jara abono: Hispanujo 2'50 fr. (1 sm.); ekster Hispanujo 3 fr. (1.20 sm.). Administracio: «Rambla S. Isidoro, Igualado, *Barcelona*».

HISPANUJO: *Tutmonda Espero*, ĉiumonata revuo, organo de la Kataluna Esperantistaro, 16, paĝoj (17—25) en Esperanto kaj kataluna lingvo. Jara abono 3 fr. (1,20 sm.). Administracio: «Paradis, 12, pral., *Barcelona.*

POLUJO: *Pola Esperantisto*, monata organo de polaj esperantistaj societoj, 16 paĝoj (20—28) en Esperanto kaj pola lingvo. Jara abono: 5 fr. (2 sm.) Administracio. «Hoza 40, m. 8, *Varsovia*».

SVISUJO: *Svisa Espero*, monata organo de la Svisa Esperanta Societo, 12 paĝoj (14 × 22) nur en Esperanto. Jara abono: 2,50 fr. (1 sm.) Administracio: «S-ro Th. Renard, 6, Vieux-College, *Geneve*».

FINLANDO: *Finna Esperantisto*, monata organo de la Esperanto Asocio de Finlando, 12 paĝoj (18×24), nur en Esperanto. Jar abono. 1,20 sm. Administracio: «Ilarejo Esperantista, Kopman str. 11, *Helsinki* (*Helsingfors*)».

BOHEMUJO: *Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ* monata organo de la Bohemaj Esperantistoj, 16 paĝoj (13×20), en Esperanto kaj bohema lingvo. Jara abono: 3,75 fr. (1,50 sm.) por fremdlando; 3 K. por Aŭstrio. Administracio: «Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ. *Praha*».

UNUIGITAJ ŜTATOJ: *The American Esperanto Journal*, monata organo de la Amerika Esperantista Asocio, 20 paĝoj (18×25), en Esperanto kaj angla lingvo. Jara abono: 1 dolar. (5 fr.; 2 sm). Administracio: «The American Esperanto Journal, Boulevard Station, *Boston*, Mass »

UNUIGITAJ ŜTATOJ: *Amerika Esperantisto*, monata gaceto, 16 paĝoj (13×23), en Esperanto kaj anglo lingvo. Jara abono: 1 dolar: (5 fr.; 2 sm.). Administracio: «Amerika Esperantisto, 1239, Michigan Avenue, *Chicago*».

PERUO, *Antaŭen Esperantistoj!!*, monata argano de la Perua Esperanta Societo, 12 paĝoj (17×25), en Esperanto kaj hispana lingvo. Jara abono: 3 fr.; (1,20 sm.). Administracio: «D-ro Federico Villarreal, Apartado 927, *Lima*».

BRAZILUJO: *Brazila Revuo Esperantista*, monata organo de la Brazilaj Esperantistoj, 32 paĝoj (15×23) en Esperanto kaj portugala lingvo. Jara abono: 6 fr. (2'40 sm.). Administracio: «Brazila Revuo Esperantista, Rua da Assembléa, 46, *Rio de Janeiro*».

CILUJO: *La Du Steloj*, monata organo de la Ĉila Esperantista Asocio, 28 paĝoj (17×26), en Esperanto kaj hispana lingvo. Jara abono: 5 fr. (2 sem.). Administracio: «Las dos Estrellas, calle de la Catedral, 1437, Casilla 727, *Santiago de Chile*».

JAPANUJO: *Japana Esperantisto*, monata organo de la Japana Esperantista Asocio, 20 paĝoj (19,5×26), en Esperanto kaj japana lingvo. Jara abono: 1,60 jen (4 fr. 1,60 sm.). Administracio: «Japana Esperantista Asocio Jurakĉo, Kiĵimaĉik, *Tokio*».

FILIPINAJ INSULOJ: *Filipina Esperantista*, monata organo de la Filipina Esperanta Asocio, 32 paĝoj (17,5×26) en Esperanto angla kaj hispana lingvoj. Jara abono: 2 P. (5 fr., 2 sm.). Administracio: «Philippines Esperanto Association, P. O. Box 326, *Manila*.

## II. Generala Propagando kaj Literaturo

*Lingvo Internacia*; monata centra organo de la Esperantistoj, nur en Esperanto. 48 paĝoj (13 × 20), kun 16 paĝa literatura aldono.—Jara abono: 7,50 fr. (3 sm.) Administracio: «Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, *Paris*.

*Juna Esperantisto*, monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj, 8 paĝoj (18 × 22), nur en Esperanto. Jara abono: 2,50 fr. (1 sm.). Administracio: «Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, *Paris*.

*La Revuo*, monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de D-ro Zamenhof, 48 paĝoj (16—24), nur en Esperanto. Jara abono: Francujo 6 fr. (2,40 sm.); ekster Grancujo 7 fr (2,80 sm.). Administracio: «Hachette & K[io], 79, Bd. St-Germain *Paris*.

*Tra la Mondo*, monata tutmonda revuo kun multaj ilustraĵoj (22—28), nur en Esperanto. Jara abono: 8 fr. (3,20 sm.). Administracio: «Gazeto Tra la Mondo, 15, Bd. des deux Gares, *Mendon* (S.-et-O.) France.

## III. Specialaj Gazetoj

*Esperanto*, duonmonata internacia gazeto, organo de la Esperantistaj Konsulejoj kaj Oficejoj, 4 paĝoj (45 × 50), en Esperanto kaj diversaj naciaj lingvoj. Jara abono: 3 fr. (1,20 sm.). Helpabono: 10 fr. (4 sm.). Administracio: «S-ro H. Hodler, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genéve*».

*Internacia Scienca Revuo*, oficiala monata organo de la Internacia Scienca Oficejo Esperantista, 32 paĝoj (17 × 26), nur en Esperanto. Jara abono: 7 fr. (2,75 sm.). Administracio: «Internacia Scienca Oficejo, 8, rue Bovy Lysberg, *Genéve*».

*Espero Katolika*, monata revuo por katolikoj, 32 paĝoj (14 × 22), nur en Esperanto. Jara abono: Francujo 4 fr. (1,60 sm.); ekster Francujo 5 fr. (2 sm.). Administracio: «Pastro Em. Peltier. *Sainte-Radegonde* (Indre-et-Loire) France.

*Espero Pacifista*, monata organo de la Societo «Pacifisto», (13 × 21), nur en Esperanto. Jara abono; 5 fr. (2 sm.). Administracio: «S-ro G. Moch, 26, rue de Chartres. *Neuilly* (Seine) France.

*Internacia Socia Revuo*, monata socia gazeto, 16 paĝoj (22 × 27), nur en Esperanto. Jara abono: 6 fr. (2,40 sm.). Administracio: «S-ro R. Lois, 45, rue de Saintonge, *Paris*».

*Esperanta Ligilo*, monata revuo presita en relief-punktoj Braille por Blinduloj, 28 paĝoj (14 × 23), nur en Esperanto. Jara abono: 3 fr. (1,20 sm.). Administracio: «S-ro Th. Cart, 12, rue Soufflot, *Paris*.

*Fraŭlino Maria Cruz Alfonso*, Strato Sagunto, 65, *Valencia*, Hispanujo, deziras korespondi esperante kun gesamideanoj per ilustritaj poŝtkartoj.



Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.